# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

MARTO 1940
XXXVI-a Jaro. N-ro 483 (3)

**Jara abono . . . Fr. sv. 10.—**
**(Kun ricevo de la Jarlibro)**
**Anonco : Korespondado du linioj . . . . . 1.—**
**Reklamo : Kolonero unu centimetra . . . 1.—**

**Poŝtĉeko svisa : Genève I. 2310.**

**ENHAVO :**



**Redakcio : Palais Wilson, GENÈVE, Svislando**

**Fondinto : Hector Hodler, † 1920**
**Redaktoro : Hans Jakob.**

## Sankta devo

La variaj informoj pri la sorto de la Zamenhofa Familio emociigis la Esperantistaron. La iniciato de UEA por helpi trovis ĝeneralan konsenton. Aro da samideanoj esprimis la deziron, ke la helpo organizita de UEA, fariĝu tia de la tuta Esperantistaro, nun atingebla.

Tio signifas, ke UEA serĉu kontakton kun IEL kaj aliaj organizaĵoj. Skribis al ni en tiu ĉi senco de tutesperantista helpo la Federacio de la Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la Nederlanda lingvo.

Estas nia opinio, ke la skismo ekzistanta en la senpolitika Esperanto movado, ne devus ludi sian malbonan rolon en tiu ĉi afero de helpo al familio de nia Majstro ! Antaŭ tiu ĉi grandega malfeliĉo ĝin trafinta, silentu la voĉo de malamo, sed fortiĝu la komuna volo, helpi. La formo estas absolute nenio, gravas la enhavo.

Ni solene deklaras, ke UEA estas ĉiel preta por tia tutesperantista helpagado ! UEA metas je la dispono de tiu ĉi helpo la avantaĝojn de sidejo, la eblecojn peradi kaj rilati, la spertojn pri tia agado kune kun la oficej-teknika helpo.

Kia estu la helpo esperantista ? Estas klare, ke la nura monkolekto ne sufiĉas. Oni devas serioze esplori la eblecon, venigi en alian landon se eble la tutan familion. Kiel tio povas okazi, estas detalo studota. Kaj dume ni devas sendi subtenon, nutraĵojn kaj se eble, monon.

Estas sankta devo de la Esperantistaro kunhelpi, mildigi la sorton de tiuj, al kiuj ĝin ligas granda ideo. Kaj ni nin turnas al ĉiuj, kiuj spite la okazintaĵojn konservis la fidon al la forto del Bono. Ni vokas al ili : Ne lasu perei la Familion de la Majstro !

En tiu ĉi tempo de ĉagreno, grava societo nacia de Esperanto opiniis necese, esprimi sian dubon pri la korekteco de la entrepreno. Ne estas tie ĉi la loko respondi al kalumnio. Ni respondos al ĉi tiu malinda faro per ago. Kaj tiu ĉi ago estas la helpo al Zamenhofa Familio.

**Finredaktinte tiun ĉi numeron informis nin nia Delegito en Vilnius, ke laŭ ricevita informo el Varsovio, la Z. F. troviĝas tie en ege mizeraj kondiĉoj kaj atendas helpon.**

# La helpo al la familio Zamenhof

## Tria raporto

Fine ni ricevis sciigon, datumitan 17an de Februaro, adresitan al Delegito en Vilno. La sendintino esperantista respondas al demando pri la stato de la Familio Z. jene :

*Mi tre dankas vin por la poŝtkarto kaj komunikas al vi, ke miaj kuzoj pri kiuj vi demandas estas malsanaj troviĝas en tre malfacilaj kondiĉoj kaj mi absolute ne povas en la nuna momento doni al vi ilian adreson, ĉar ilia antaŭa loĝejo estas ruinigita. Se la sendaĵo, kiu venis al via adreso povus utili al ili transsendu ĝin al iu de iliaj parencoj ekzemple al Sinjorino Felix Z. Eble vi interkonsentas je tiu ĉi temo kun Sinjoro Philipp aŭ S-ro Jakob. Mi kore vin salutas...*

Parte mistera, tiu ĉi informo, tamen ĝi mencias nenion pri la onidiroj, ke F-ino Lydia estas arestita, ke D-ro Adam Zamenhof mortis pro malvarmo kaj malsato. Tiel ekzemple informis la « Jewish Chronicle ».

Ni dume entreprenis novajn paŝojn tute laŭ la kondiĉoj oficialaj kaj registaraj. Kaj ni ripetas :

NI DEVOS SUKCESI.

## Monsendoj

**Britujo :**

F-inoj Sturge, Birmingham, £1 ; S-ro Goddall, London,£1 ; S-ro Robert Ralph Tredgold, London, 10 Fr. sv. ; S-ro Eric Evans, Bangot, £1 ; F-ino Eileen de B. Daly, 15 ŝil. Sumo : £3.15 ; Fr. sv. 10.

**Danlando :**

Erik Pedersen, Jyderup, Kr. 4.— ; S-ro P. Dueholm, Kopenhago, 6.— Kr. ; F-ino Margarethe Noll, Kopenhago, 10 Kr. Sumo : 20 Kr.

**Estonio :**

S-ro B. Ojasono, Märjamaa, 3.— Fr. sv.

**Francujo :**

Esperantista Klubo de Vallauris (sendita de S-ro Cresp, Cannes) : 73.— ; Esp. Grupo Zamenhof, Lens : 50.— ; F-ino Spyns, Dunkerque : 50.— ; F-ino Mignon, Bourges, 100.— ; Grupo de Nevers (sendis S-ro Tournecuillert) : 165.— ; S-ro Camescasse, Paris : 10.— ; S-ro Edmond Lefebvre, Viroflay, S. et O. : 100.— ; Tria sendo de S-ro Emile Borel, Lyon : de Bona stelo Romans : 150.— ; Esp. Grupo, Douai : 50.— ; F-ino Samuel, Lyon : 5.— ; Je memoro de S-ino Faure : 100.— ; F-ino Laurent, Lyon : 35.— ; Sennomulo, Lyon : 5.— ; S-ro Reynier, Lyon : 20.— ; S-ino Lieber, Lyon : 5.— ; F-ino Jeanne Dedieu, Prades, P. O. : 8.— ; (Sume 378.— ; S-ro Dumarquez. Desvres, P. d. C. : 10.— ; Sumo de la tria raporto : Frk. fr. : 936.00.

**Japanujo :**

S-ro H. Shinodo, Yamagate : Fr. sv. 5.—.

**Nederlando :**

Nederlanda Kristana Esp. Asocio, sekcio Zeist : 3.— ; Esp. Grupo, Tra la Mondo, Dordrecht : 5.— ; S ro L. C. Versprille, Oostburg : 1.— ; S ro W. Kunnen, Dordrecht : 5.—. Sumo de la tria raporto : Guldenoj : 14.—.

**Nederlanda Indio :**

D-ro W. G. Joustra, Batavia : 25.— Fr. sv.

**Svislando :**

F-ino Lilly Schärer, Langenthal : 3.— ; S ro Robertson, Wabern-Bern (el Chicago) : 20.— ; F-ino Gertrud Weigelt, Wabern-Bern : 2.—.

**Usono :**

S-ino Weigall, San Diego, Cal. :10.— (43.— Frk.) ; S-ro E. Sievers, Detroit, 424.44 Frk. Sumo : Fr. sv. 467.44.

Ĉiuj sumoj kune, de la tria raporto : (En Sv. Frk) 713.04.

* * *

Korekto : En la una raporto, Januaro sub Svislando devas esti : S-ro Laederach, Les Brenets : 1.50 ; Gesinjoroj Ducommun, Les Brenets : 10.— Frk.

### Eĥo je nia alvoko

Dum la lasta semajno mi ricevis de la ĉefdelegito usona la sciigon pro helpfundo por la Zamenhofa Familio. Ofte mi demandis min « kio okazis al ili » ? Mi vere ĝojas je la ricevo de tiu ĉi letero kaj mi nun enmetas ĉekon de dek USA dolaroj por tiu ĉi fundo. Mi opinias, ke estus la plej rapida kaj sendanĝera maniero sendi mian helpeton. Mi ankoraŭ havas kelkajn leterojn skribitajn al mi de Sinjorino Klara Zamenhof, kiu sendis al mi fotografaĵon de ŝia edzo. Mi kore esperas, ke ĉiu esperantisto sendos helpon al la Familio de la grandanima homo kiu farigis el ni unu grandan familion. Mi naskiĝis en la sama jaro kiel li kaj mi ofte pensas kiom li faris dum sia vivo, kompare kun mi. Sed mi povas diri, ke mi estas fidela sekvanto. Nuntempe, kvankam mi povas vidi por promeni mi ne povas legi aŭ skribi krom kun granda malfacileco, mi eĉ apenaŭ povas legi la vortojn kiujn mi tipas.

Mi esperas ke vi kolektos grandan sumon. Estas granda privilegio kontribui al ĝi. Kun kora saluto, mi restas sincere la via

Alice W. Weigall, D de UEA

San Diego Cal. USA.

# Memore al H. Hodler
# † 31 Marto 1920

Konsternite ni sciiĝis en la Centra Oficejo (tiutempe en Bern) je la 31-a de Marto 1920 la forpason de la animo de UEA, Hector Hodler. Kruele la sorto jam frapis la Asocion, priplorintan la morton de Harold Bolingbroke Mudie ĝian unuan Prezidanton, Théophile Rousseau, ĝian vicprezidanton kaj D-ro L. L. Zamenhof, ĝian unuan Honoran Prezidanton. Kvazaŭ la sorto ne volis, ke ili ne plu spertu la bonon kaj malbonon venontajn.

Dudek jaroj pasis, riĉaj je okazintaĵoj. La espero kiun ligis la homaro al la reveno de l'paco en 1919 estis kruele detruita. Nia movado, kiu konis konstantan kuron al sukceso, ankaŭ devis porti la konsekvencojn de la ĝenerala seniluziiĝo.

En la persono de H. Hodler malaperis epoko. Lia genia ideo, kunigi aktivajn Esperantistojn por praktika laborado, eltiri nian aferon el la predikado kaj propagando foje jam savis la ideon el danĝero. Estis en 1908, kiam ardis la batalo inter la anoj de malsamaj vidpunktoj simila al reformacio. Se la universala vidpunkto sukcesis rezisti al la atako de la reformantoj, tiam oni dankis tion al la kreaĵo de Hodler, al UEA. La arkivo de UEA posedas kolekton da dokumentoj, senfinaj korespondaĵoj kun la tiama spirita estro de la reforma movado, Profesoro Couturat. Li vidis kia forto ekzistas en tia organizaĵo, sendependa de nacia influo, laboranta por praktika celo, firme defendanta idealon. Li persiste klopodis, ke UEA akceptu anojn de la reforma movado. Estas edife hodiaŭ, relegi tiun ĉi korespondaĵon altnivelan de klarvida homo, kiu komprenis la neprecon de praktika agado. La komitato de UEA post studo de la raporto detala, akceptis la proponon de Hodler *ne akcepti* anojn de la reforma movado.

La milito 1914-1918 donis al UEA novan impulson. La sidejo en lando kun karakterizita neŭtraleco, la apudeco de internaciaj institucioj, faciligis tiun ĉi grandiozan servon de helpado, kiu disportis la nomon de *Esperanto* ĉien. Helpinte per Esperanto al viktimoj, oni altiris la intereson por Esperanto. Tiu ĉi agado formis kvazaŭ ligilon inter la tagaj okazintaĵoj kaj nia movado. Ĝi permesis rilati al ĝi, citante ion praktikan kaj ion bezonatan. Sed samtempe Hodler pensis al la estonto. En serio da trafaj artikoloj, li montris la veran kulpon en la milito, en tiu ĉi anarkia stato inter la nacioj kaj gvidis la legantaron al supernacia pensado. Kaj la esperantistoj ĉiulandaj rigardis kun espero al Ĝenevo, natura centro de la tutmonda Esperanto movado.

Hodler ne plu estas ! Lia verko suferis kun la tuta movado la sorton de ĉio internacia. Fervoraj kunbatalintoj malaperis, aliaj foriĝis pro seniluziiĝo. Venkis por momento la spirito de maltolero. Idealismaj fervoruloj apartiĝis, naŭzigitaj. Sed ĉiu ago sekvigas reagon. Kaj ni revidos la tutcertan revenon de nova epoko, kiu realigos tion por kio laboris niaj pioniroj, inter kiuj plej distinga figuro estis H. Hodler.

La Esperantistoj en Ĝenevo kunvenis la 31-an de Marto ĉe la tombo de Hector Hodler por honori la memoron de l'mortinta ĉefo. Post lego de letero de Sinjorino Hodler, kaj alia de Edmond Privat, la administranto de UEA skizis la vivon de Hodler, tiel kiel ĝin vidis kunlaborinto.

---

# Eŭropa Federacio

« ...apenaŭ ekzistas iuj ŝtatoj *tute* en Eŭropo, krom Svislando, San Marino, Andorra kaj kelkaj el la kreaĵoj de Versailles. Preskaŭ ĉiuj aliaj eŭropaj ŝtatoj etendiĝas malproksimen ekster la eŭropaj limoj politike kaj laŭ siaj kunsentoj kaj kulturaj rilatoj. Ili trenas kun si pli ol la duono de la homaro. Proksimume dekono de la Brita Imperio kuŝas en Eŭropo kaj ankoraŭ malpli de la Nederlanda Imperio; Rusujo, Turkujo, Francujo estas malpli eŭropaj ol ne; Hispanujo kaj Portugalujo havas siajn plej intimajn ligilojn kun Sudameriko.

Malmultaj eŭropanoj pensas pri si kiel « Eŭropanoj ». Ekzemple, mi estas Anglo, kaj granda parto de miaj interesoj, intelektaj kaj materiaj estas transatlantikaj. Mi malŝatas nomi min « Brita » kaj mi ŝatas pensi pri mi mem kiel anon de granda angle-parolanta komunumo, kiu etendiĝas sen rilato al raso kaj koloro ĉirkaŭ kaj tra la mondo. Mi malkontentiĝas kiam Usonano nomas min « fremdulo » — milito kontraŭ Usono ŝajnus al mi precize tiel freneza kiel milito kontraŭ la angla graflando Cornwall — kaj mi trovas la ideon, fortranĉi min de la angle-parolantaj popoloj de Ameriko kaj Azio por sekvi la flagon de mia Aŭstra-Japana amiko en federe faskigitan Eŭropon, treege malalloga.

Estus multege pli facile, mi sugestas, krei la Unuiĝintajn Ŝtatojn de la Mondo, kio estas la fina celo de Sinjoro Streit [1], ol arigi la tielnomitan kontinenton de Eŭropo ian specon de unueco. »

*

Samtempe kun ĉi-tiu milito ni bezonas grandegan debaton. Ni deziras, ke ĉiu ebla persono en la mondo partoprenu tiun debaton. Estas io multe pli grava ol la militado mem ........

*

Ni bezonas aerumi niajn proprajn mensojn; ni bezonas malkaŝitajn interŝanĝojn se ni devas atingi ian komunan komprenon. Ni bezonas ellabori klaran koncepton pri la mondordo kiun ni preferus al ĉi-tiu nuna ĥaoso ......

Ĉi-tiu granda mond-debato devas disvolviĝi, kaj ĝi devas okazi nun. Nun dum la pafiloj ankoraŭ tondras estas la tempo por pensado.

H. G. Wells,

en sia nova libro : « The New World Order »
(La Nova Mondordo) eldonita en Januaro 1940.

---

[1] Lia libro « Union *Now* » (Unuiĝo *Nun*) detale planas por federa unuiĝo de *demokrataj* ŝtatoj.

# Novaj fibroj

Kiam dum la pasinta milito en certaj landoj ekkomenciĝis manki certaj krudmaterioj naskiĝis la « Ersatz » industrio. Tiu ĉi vorto, penetrinta en multajn lingvojn kun la signifo « anstataŭaĵo » fariĝis kvazaŭ simbola por la ekonomio de kelkaj militantaj landoj. La ĉefa celo estis anstataŭi ne plu riceveblan materialon per io alia, ekzistanta abunde en la propra lando. Sennombraj estas la artikloj kies materialoj estis anstataŭitaj per io alia. Iuj fariĝis daŭraj, tiel ke oni eĉ ne plu pensas pri la origino mem. Memorinde en tiu ĉi fako de homa agado estas nia sukero el beto. Ĝi ankaŭ estas produktaĵo, naskita el embaraso, vera « Ersatz », trovita sekve de la Kontinenta blokado per Napoleono, kio malebligis ricevi la sukeron el kano, kolonia produktaĵo. Kio komence estis momenta helpo, fariĝis dank' al plibonigitaj metodoj, daŭra kaj ne forpensebla ero en la ekonomio eŭropa. La listo de tiaj produktaĵoj, naskitaj el embaraso estas longa. Popola sprito kaj ironio kaptis dankeman terenon. Sennombraj estas la spritaĵoj pri tiu ĉi, ne ĉiam ĝoje akceptita anstataŭaĵo. Ilustras la situacion jena spritaĵo, el la lasta milito :

*Viro, naŭzigita de la vivo pro la ne finiĝanta milito, decidiĝis forlasi tiun ĉ mondon. Li sin pendigis. Sensukcese, li falis teren, la kordo estis el surogato. Li akiris venenon, absorbis ĝin, sed nur suferis stomakmalsanon. Li provis mortpafi sin. Ankaŭ la pulvo estis surogato. La bona virokonsideris tiun ĉi malsukceson kiel admonon de la ĉielo. Li decidiĝis soleni tiun ĉi savon per bonega vespermanĝo en kaŝita restoracio. Tagon poste, li mortis. La manĝaĵoj estis surogatoj.*

Post la milito tiu ĉi serĉado uzi ekzistantan materialon por kombini necesajn produktaĵojn, reprenis en ne imagita amplekso. La sorĉa vorto estis *aŭtarkio* ! Efektive la volo fariĝi sendependa de l' eksterlando, precipe de transmaraj landoj, kondukis al tio. Sed la metodoj estas entute malsamaj. Estas la transformo de ekzistantaj materioj per kemia procedado en ion tute alian. Inter tiuj provoj gajni materiojn el tiaj, abunde ekzistantaj, la plej interesa estas la fibroj.

La kreo de fibroj por teksaĵ-industrio el io alia ol « naturaj » materialoj estas plej bone dokumentata per la arta silko, el celulozo. Estis kvazaŭ aksiomo ke teksaĵoj nur povas esti fabrikataj el la materialoj kiujn liveras la naturo, nome lano, kotono, lino, kanapo, juto kaj silko. Landoj, kiuj ne posedas ĉi tiujn krudmaterialojn, dependis altgrade de la produktantoj kaj kreiĝis en certa senco ekonomia monopolo.

La kemio, tiu ĉi scienca sorĉado komencis transformi naturajn materialojn kaj rapidege kreiĝis teksaĵoj, kiuj ĝis tiam estis rikoltitaj. Kreskanta sperto kaj miriga perfektigo en la metodoj igis, ke la kemio venkis eĉ la naturon. La kemio ne konas konstantajn ecojn de la fibroj. Kontraŭe ĝi variigas kaj kombinas karakterizaĵojn de fibroj laŭvole kaj kreas el la sama krudmaterialo fibrojn kun variaj ecoj.

La kemio neniigas naturdonitajn karakterizaĵojn, ĝis nun ne transigeblajn, ĝi igis superflua la kardprocedon, liveras ŝpinaĵojn de nevarianta longeco, de ĉia krispoformo, firma kontraŭ humideco, kolorfirmeco. La bazo por tiu ĉi transformo estis la celulozo, el pinligno. Sed ekzistas landoj, kiuj ne havas tiun ĉi lignon kaj la kemio serĉis novajn eblecojn. Tiel oni provis kun pajlo, la herbo de la terpomo, de la sojo-fazeolo de la maizotrunkoj kaj tabako. El ili jam iuj montriĝis tute taŭgaj por industria produktado kaj ekzistas fabrikejoj kiuj nur prilaboras ilin por gajni teksaĵojn.

Sed celulozo jam havas konkuranton. Kaj la vojo kiun iris la kemio estis pli ol revolucia. La komencon faris la fabrikado de la lakt-lano, konata sub la nomo « Lanital ». La eliro estas la kazeino, baza materio de la lakto. Kaj kiel diras la nomo de la produktaĵo, estas Italujo kiu specialiĝis en tiu ĉi fako, sed jam la patentoj estas utiligataj en aliaj landoj. Aliaj artfibroj el besta substanco estas la « CARNOFIL », farita el viando, la « MARENA », farita el restaĵoj de haŭto kaj ledo. Fine la fiŝlano farita el fiŝa albumeno.

Tamen ĉiuj tiuj produktaĵoj ne povas konkurenci kun la fibro el celulozo. Sed en lasta tempo ŝajnis, ke oni sukcesis krei fibron absolute sintezan, do fibro efektive artefarita. Estas la kemia entrepreno « I. G. Farben », kiu ellaboris el karbo kaj kalko la tielnomatan PECE-fibron. Laŭdire ĝi superas laŭ siaj ecoj la naturajn fibrojn. Ĝi estas absolute neatakebla per kemiaĵoj, tio signifas ke ĝi rezistas kontraŭ ĉiuj acidoj kaj alkaloj, sensenta kontraŭ malsekeco eĉ longdaŭra kaj neatakebla per bakterioj. Pro tiu ĉi lasta eco ĝi speciale taŭgas por la fabrikado de tukoj uzataj en tekniko, filtriloj, fiŝretoj k.t.p. NYLON estas la nomo de karbofibro, procedo ellaborita de la usona firmo Du Pont. Al tiu ĉi fibro oni antaŭdiras estonton brilan, ĉar ĝi devos anstataŭi la silkon. Ĝi laŭdire estas pli delikata ol la artefarita silko. Jam britaj kaj francaj entreprenoj akiris la ekspluatrajton. Kaj fine La « Union Carbide & Carbon Corporation » evoluis procedon el sinteza rezino por produkti artefaritan fibron, kies nomo estas « VINYON ».

Jen perspektivo por la estonto. La mirigita homo baldaŭ nenion plu komprenas. Lakto, karbo, kalko transformiĝos en fibrojn kaj fine en vestaĵojn. Sekvanta anekdoto, (vera, kiel ĉiuj anekdotoj) ilustras la miregigon homan antaŭ ĉi tiuj fenomenoj. Germano venis Svislandon, renkontis amikon kaj rakontis al tiu ĉi pri la mirakloj kreitaj kaj kreataj de la kemia industrio dum la kvinjarplano. *« El lakto ni faros teksaĵojn, el karbo same kaj el ligno ni gajnos sukeron »*. Mute la sviso aŭskultis la vortriĉan propagandon el la Tria Regno. Ĝis fine li diris *« Jes, ĉio tio estas grandioza, efektive. Sed vidu, ĉe ni estas tiel: Malene proksimume je la sesa horo, oni sonorigas ĉe mi. Kaj tiam mi scias, ke troviĝas ĉe la pordo du litroj da lakto »*.

Prilaboris : Jiri SEDLAČEK.



# Oni ne povas kontentigi ĉiujn



**Laŭtempa humoraĵo de Francis de Miomandre**

Hector Larvenois estis, kiel oni kutimas diri, ŝatata verkisto. Li skribis ĉiujare romanon, miksaĵo inter polica romano kaj psikologia studo, plie sennombrajn rakontetojn, kiuj havis grandan sukceson en la taga gazetaro.

Kiam eksplodis la milito, venigis lin la direktoro de la plej atentinda gazeto, ĉe kiu li kunlaboris. La direktoro sciis, ke li bezonos nur diri kvar vortojn al la verkisto kaj nenion plian : « *Konformiĝu al la situacio* ». Tio estis ĉio.

Postkiam Larvenois tuj eklaboris kaj en la memoro al propra soldateco skribis rakonton plenan je heroeco. La efiko ne atendigis longe. Aviadisto skribis al li poŝtkarton kun jena teksto : « *Via rakonto en la gazeto* Le Jour *estis kompleta idiotaĵo. Se oni nenion komprenas pri militaferoj, prefere estas silenti. Kaj por ke vi ĝin sciu : Ni volas legi nur gajajn aferojn, ni volas ridi ! Ĉu vi komprenas ? Daŭrigu do skribi kiel antaŭe, malspritaĵojn, sed plejeble komikajn. Kun antaŭa danko kaj ne grumblu...* ».

Sekve de tio Larvenois skribis laŭ provita recepto humoran rakonton. Sed spicistino, kies edzo soldatiĝis kaj ie ajn en la malfronto gardostaris ĉe fervoja haltejo, ne povis kaŝi sian indignon : « *Dum niaj edzoj mortiĝas ĉe la fronto pro tiaj tipoj kiel vi estas, vi povus laŭ mia opinio, konservi tian sensencaĵon ĉe vi, Ni ja ne emas ridi, vi komprenas, en tia tempo...* ».

Kio kaŭzis konscienc-riproĉojn al Larvenois. Kaj li fabrikis tian sentimentalan rakonton, ĉe kies lego, neniu okulo eĉ de la plej vulgara homo restis seka. Ja la direktoro eĉ estis kortuŝita. Sed ne pasis du tagoj, alvenis kategoria telegramo de konata industriulo :

LEGIS RAKONTON KORROMPIGAN EN *LE JOUR*. STOP. PATRIO NE BEZONAS LEGAĴON MALKURAĜIGAN. STOP. SENTIMENTO REPRENOS LOKON POST KOMPLETA VENKO. STOP. ATENDAS KOMPRENON. SALUTOJN... »

Larvenois, kiu ne facile malkuraĝiĝas, provis ion novan : li skribis detektivan rakonton. Dum ok tagoj li penadis, ĝiskiam li naskigis etan, efektive legindan novelon, pro kio li kredis rajti je la dankemo de la tuta lando. Sed la lando restis muta, kaj la sola leganto kiu sin esprimis pri la rakonto estis anonimulo malbonhumora, kiu skribis al li : « *Niaj nervoj bezonas antaŭ ĉio trankvilecon. Por tio, ŝajne mankas al vi absolute la kompreno. Via rakonto estus tre taŭga por tiuj neŭtraluloj, kiuj naĝadas en la agrablaj ondoj de la paco. Por ni, tia rakonto estas entute malbone lokigita, notu tion. Hodiaŭ digno kaj nobla rezerveco estas pli necesaj ol iam ajn* ».

Fervore klopodis Larvenois, respondi al tiu ĉi deziro kaj bezono je idealo. Li serĉis sian plej bonan plumingon kaj skribis mirindan rakonton, kiu ie ludis en la regiono de la Hinterlando — depost la poŝtkarto de l'aviadisto li ne plu kuraĝas iri en la frontregionon —, sed kiu ne malpli naĝis en digneco, sinofero kaj kuraĝo. Kio bedaŭrinde havigis al li la komunikon de nekonata leganto : « *Mi ja povas kompreni, ke oni kelkfoje devas prediki. Sed kion vi permesas al vi — tio estas tamen ne tolerebla. Skribu ion spicitan. Mil tondroj, ni ja vivas en la lando de Rabelais. Ties rakontoj devenas almenaŭ de la tero sur kiu ni vivas* ».

Entuziasmigite je la penso, konkuri kun Rabelais, skribis Larvenois noveleton gracilan, sed ankaŭ de nefordisputebla dusenceco, tre proksima al unusenceco. Kio kaŭzis, ke abonanto kolere malabonis la gazeton. Sinjorino respektindaĝa tiom nervoziĝis pri la frivoleco, ke ŝi mortis pro apopleksio.

Kio kaŭzis la senprokrastan forpelon de Larvenois el la kunlaborantaro del' gazeto, kiun li tiel kompromitis. Kaj li rezignis por ĉiam verki rakontojn, noveletojn kaj humoraĵojn, retiriĝis al la kamparo, kie li nun laboras pri verko dumilpaĝa — *Pri la rolo de la interpunkcio en la franca literaturo* —.

« Tiamaniere ĉiuj estos kontentigataj », li diris al si mem. Kion Dio donu.

Trad. François HAYOTTE.

---

# La fremdulo

De Laszlo Brody

*Ili al mi ne pardonas,*
*Ke prapatro mia foje*
*Apud Tigris' la rivero*
*Dum belega fe-vespero*
*Sonĝis pri la Unu-Di'.*

*Vane mi en butontruo*
*Portis tulpon la hungaran,*
*Vane novan vinon suĉis,*
*Kiun Tokaj al mi ŝprucis*
*Mia sango, mia kant'.*

*Lukto kontraŭ ventmulil'*
*Ili min ne ĉirkaŭprenos,*
*Mian tulpon eĉ deŝiras*
*Mia la sorton sur min tiras*
*Kaj vagadas kun makul'.*

*Ĉio vane en ĉi lando !*
*Min ekkonas, lange mokas*
*Fi-bubaro sur la strato,*
*Decas ĉiam nur kompato*
*Elektita al fremdul'.*

*Vane pasas la miljaroj*
*Fali povas planedaroj*
*(Eta glob' sur tempkanono)*
*Povas flui en ĉi-zono*
*La river' laŭ kankra marŝ'.*

*Urb' subtera re-aperos,*
*Lupo naskos mild-ŝafidon,*
*Sed brulstampo malgracia*
*Kiu flamas sur frunt' mia*
*Restas fremda por ili.*

*Ili al mi ne pardonas*
*Ke prapatro mia foje*
*Apud Tigris' la rivero*
*Dum belega fe-vespero*
*Sonĝis pri la Unu-Di'.*

(El hungara trad. : J. F.).

# Sciindaĵoj

**Kakao el glanoj** — La industrio de l'*Ersatz* pliriĉiĝis je nova produktaĵo, nome *kakao* el kverka glano. Germana kemiisto trovis proceđon por transformi la glanon en materion similan al la kakao, kiun Linné tiom poezie alnomis *dia manĝaĵo* (theobroma).

La glanoj estas sekigataj. Per ultraviola lumo kaj sub daŭra movigado, la kverko-glanoj estas ĝermigataj. En ampleksaj lavmaŝinoj oni eligas la amaran taninon, poste la glanoj estas rostataj, miksataj kun aliaj rostitaj fruktoj kaj fine muelataj en maso kakaobruna.

**La petrolo.** — Problemo kiu okupigas ne malmultajn ekonomiistojn estas tiu de la rezervo de petrolo. Kontraŭ la pesimismaj konkludoj pri baldaŭa elĉerpiĝo de l' petrolo, staras alia konkludo trankviliga. La usona geologo Levorson, oleo-specialisto, informis en la jarkunveno de la Usona Geologia Societo, ke ekzistas ankoraŭ senlimaj provizoj de subtera petrolo. Oni eĉ ne povus difini la tempon kiam ĉi-tiuj rezervoj elĉerpiĝos. Ekzistas, laŭ fidinda kalkulo, nuntempe 17 miliardojn da bareloj de petrolo en la ankoraŭ ne ekspluatataj oleokampoj. Plie oni rajte povas atendi trovon de nekonataj oleokuŝoj. Multe pli grava estas la fakto, ke oni povas hodiaŭ ekspluati kuŝejojn de oleo en profundeco de 1.400 ĝis 5.000 metroj. Tio permesas malfermi oleoregionon kiu ĝis nun ne estis tuŝita.

**Ribbentrop.** — Tiu ĉi nomo, kies portanto nuna havas tiom decidan rolon en la nuna tempo, jam ludis tian en pasinto kaj ankaŭ ne je la plezuro de l'francoj. En jaro 1815, kiam la tiamaj aliancanoj okupis Parizon, troviĝis en la stabo de Marŝalo Blücher, ŝtatkonsilanto Georg Julius von Ribbentrop kiel generalintendanto. Li submetis al la Marŝalo la postulon al Parizo, pagi kontribucion de 100 milionoj da orfrankoj kaj la ekipon por 80.000 piedsoldatoj kaj 30.000 kavalerianoj. Ribbentrop prezentis tiun ĉi postulon al la pariza urbestraro en ĉeesto de l'prefekto Chabrol. Sed la kontribucio neniam estis pagita dank'al interveno de l'caro Aleksandro kaj de Duko de Wellington.

**La eklezioj en Finnlando.** — Finnlando kalkulis je la jarfino 1936 3,807 milionoj da loĝantoj. El ili 3.654.751, do 96% estas protestantoj luteranaj. Troviĝas plie 70.445 grekortodoksaj kristanoj kaj 5.707 personoj apartenas al libereklezíaj grupoj, 2.748 estas metodistoj, 1.454 baptistoj, 1.541 romkatolikoj, 347 mahometanoj, 1.756 judoj. 68.414 personoj ne partoprenas ian religian komunecon. La kristanismo eniris Finnlandon je la 12-a jarcento tra Svedlando. Same la reformacio venis de Svedlando al Finnlando. Multaj finnoj iris al Wittenberg kaj revenis kiel instruistoj, pastroj kaj episkopoj en la senco de Martin Luther. La plej konata el ĉi tiuj predikantoj estis Mikaelo Agricola, kiu vivis de 1508 ĝis 1557 kaj kiu tradukis la Novan Testamenton en finnan lingvon.

**La cenzuro brita.** — Antaŭ la milito, la milita cenzuro en Britujo okupigis du oficirojn kaj du sekretariojn. Dum kelkaj tagoj, la personaro altiĝis je pli ol 3000 oficistoj, viroj kaj virinoj, kiuj laboregas streĉe. Escepte la poŝto destinita al Britujo, al Francujo kaj al Usono, la tuta poŝto, korespondaĵoj kaj pakaĵoj pasas tra iliaj manoj. La leteroj estas submetataj al kontrolo pri skribo per nevidebla inko. Frazoj suspektataj estas ekzamenataj per spertuloj de deĉifrado kaj tuta stabo de lingvistoj kapablas legi ĉiujn lingvojn kaj skribojn. Libroj, gazetoj kaj revuoj ankaŭ estas severe esplorataj. Dum la lasta milito, oni ekzemple malkovris en senkulpe aspektinta gvidlibro turisma, sekretan komunikon kies kodo konsistis el la numeroj de tramlinioj troviĝinta sur urba plano. Tasko tre grava de la cenzuro estas transkapto de komercaj informoj, kio permesis ke dum du monatoj oni povis sekvestri varojn por cent milionoj da orfrankoj.

**Dezertoj en Ameriko.** — La senlima ekspluato de la gigantaj arbaroj en Norda Ameriko kaj la manko en pasinta tempo de ia regula arbarkulturado kaŭzis en Usono ĉiujare grandajn surakvigojn. Alia plago estas la nuntempa formiĝo de dezertoj en la ŝtatoj Nebraska, Kansas, Suda Dakota, Wyoming, Colorado kaj Oklahoma. Etendiĝas en parto de ĉi tiuj ŝtatoj *polvujo* pri kio raportis en la kunveno de la *American Association for the Advancement of Sciences*, du scienculoj *Weaver* kaj *Albertson*. Laŭ ilia raporto oni devas atendi en la proksima somero, plej longedaŭran sekecon kaj ke la *polvujo* entendiĝos je pliaj kelkcent kvadratmejloj, se ne intervenos longdaŭraj pluvoj. La du scienculoj raportis plie, ke la nomitaj regionoj alprenis karakteron tute dezertan, ke escepte iuj kaktoj ĉia vivsigno malaperis. La sekeco de la pasinta somero estis la plej forta depost 1934. En la centro de la novformita dezerto, la surfaco estas kovrita de polvodunoj, altaj je tri futoj. Herbo kiu ekkomencis kreski, jam malaperis. Kardoj kaj kaktoj plimultiĝas. La paŝtejoj estas tiom mizeraj, ke eĉ malaperis la kunikloj. Ankaŭ la loĝantaro malmultiĝis. Konklude D-ro Weaver opinias, ke eĉ se estos regulaj pluvadoj necesas kvindeko da jaroj por ke en la *polvujo* regu ree normalaj kondiĉoj. La formiĝo de dezerto devenis, laŭ la opinio del'sama scienculoj el la tro intensa ekspluatado del'tero, pro la vento, la migrantaj polvodunoj, la akridoj kaj la sekeco.

---

# Soneto

*Félix Arvers.*

*Sekreto en animo, de l' vivo la mister',*
*Ĝi estas am' eterna, momente tuj naskita ;*
*Pri ĝi mi ja silentas, malbono sen esper',*
*Ŝi, kiu ĝin plenumis, ne scias pri l' farita.*

*Mi estis, ho ve ! por ŝi, kunulo ne vidita,*
*Proksima ĉiam, tamen tutsola sen malver' ;*
*Ĝisfine mian tempon mi vivos sur la ter',*
*Petanto pri nenio, nenies donacita.*

*Ŝin Dio kreis milda, tenera ; tion spite*
*Ŝi iros sian vojon kun distro ; ne aŭdite*
*Murmuro ama sur ŝin ŝvebanta dum promen'.*

*Al sia dev' severa, ŝi pie respektema,*
*Nur diros, dum ŝi legos ĉi versojn pri ŝi tema :*
*« Virin' ĉi kiu estas ? » kaj restos sen kompren'.*

*El la franca : G. S.*

# Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*F-ino Ina Bialor*, en Varsovio, estraranino de la iama Akademia Esperantista Rondo, mortis sekve de gravaj vundoj dum la bombardado de l'urbo.



*S-ro Arie Léopold Moreau*, Arnhem, Nederlando, 51 jaraĝa. Multe laborinta en la loka movado, dum kelka tempo mastro de la Esperanto Domo en Arnhem. Fidela ano de UEA, 26920, depost 1924.

*S-ro William Maine Page*, Edinburgh, Skotlando, 1-a de Februaro, 71 jaraĝa. Esperantisto de 1905 samideano Page apartenis al la gvardio de nia movado, al kiu li kontribuis diversmaniere, oni povus diri universale. Neforgesinda estas lia majstra redaktado de la gazeto *Esperanto Monthly*, kaj aro da aliaj verkoj, tradukoj speciale de himnoj kaj kantoj, pruvis lian superan posedon de la lingvo.

En la movado li okupis diversajn postenojn, interalie dum pluraj jaroj la vicprezidantecon de UEA, kies honora membro li estis. Al li oni dankas projekton de organizo, ellaboritan plej zorge, atentante ĉiujn erojn de la movado, entute perfekta projekto.

La enterigo okazis je la tria de februaro en ĉeesto de aro da esperantistoj.



# Esperantista Interhelpo

Samideanoj (kaj ankaŭ ne-esperantistoj), viktimoj de la maltolero en Eŭropo, kiuj deziras enmigri Brazilon sin turnu al Esperantista Interhelpo. Povas enmigri personoj kiuj kapablas labori en agrikulturo. Kondiĉoj por ricevi la enirvizon estas donataj skribe laŭ peto de la Delegito por enmigro, Sinjoro Leo Brieger, per Esperantista Interhelpo. Korespondajoj iru al nia adreso por ke ni povu tuj prilabori la peton, ne perdante tempon.

Kolonelo Julio Mangada Rosenörn, hispana pioniro de Esperanto serĉas enmigri Bolivion. Li troviĝas en Alĝerio. La Argentina Esperanto Asocio, Misiones 369, Buenos Aires, klopodas nun pri la kolekto de la necesa mono, sume 25.000 Francaj Francoj. Amikoj de S-ro Julio Mangada volu sendi bonvolan helpon aŭ al ni aŭ al supra adreso. En venonta numero, nia gazeto informos pri la sekvo de tiu ĉi helpo.

# Universala Esperanto-Asocio



**Palais Wilson, Genève, Svislando.**

## Oficiala Informilo

## 1940 — Marto — N-ro 3

**Komitato de UEA.** — Pro la morto de respektinda samideano Baart de la Faille, nederlanda pioniro de nia movado, ano de UEA de ĝia komenco kaj komitatano elektita 1938/39, la nederlandaj membroj proponas kiel kandidaton por la komitato, sinjoron

**J. D. Brakel,**

dumviva membro kaj VD en Rotterdam. La Komitato, kiu laŭstatute decidas pri la kompletigo estas informata pri tio. Konforma sciigo aperos pli poste en la gazeto.

**Esperantista Interhelpo.** — Dum la pasinta jaro, nia servo diversfoje klopodis pri enmigro de rifuĝintoj (ekzilitoj) en transmaraj landoj. Por doni al tiu ĉi klopodado pli vastan bazon, ni nomis kiel nian reprezentanton por tiu ĉi servo en Brazilo Sinjoron

Leo *Brieger*, faka delegito por enmigro,
Rua Homem de Mello 255, Sao Paulo

kiu gvidas tiun ĉi fakon. Pri la enmigro en Brazilo, aperos aparta informo.

**Postĉekoj.** — UEA malfermis kontojn ĉe poŝtĉekoficejoj en deko da landoj. Iom post iom, la enpago al certaj kontoj ne plu ebliĝis pro devizaj leĝoj. Aliaj kontoj nuliĝis pro la okazintajoj en la pasintaj jaroj. Tiel ne plu ekzistas tia konto en Aŭstrio kaj Polujo. La poŝtĉeka konto en Praha, pro devizaj leĝoj ne estas uzebla nuntempe. La itala estis fermita laŭ registara ordono . . . en jaro 1935. La germana poŝtĉeka konto en Frankfurt am Main praktike ne estas plu uzebla depost la jaro 1933.

**Subtenantoj.** — La sekvantaj samideanoj bonvolis aliĝi por 1940 kiel Subtenantoj. Ali li ni sendas nian koran dankon.

**Dua listo:**

11. S-ro John M. Baxter, Glasgow, Britujo.
12. Edward W. Pharo, Haddonfield, N.J., U.S.A.
13. Sennomulo, ie en Germanujo.
14. S-ro Ch. W. Ballard, Melbourne, Aŭstralio.
15. S-ro Azorin, Cordoba, Hispanujo.
16. S-ro H. G. Rotach, Wabern bei Bern, Svis.
17. S-ro Daniel Chagnoux, Yzeure. Allier.
18. S-ro R. A. M. Kearney, London, Britujo.
19. S-ro Erie Evans, Bangor, Britujo.
20. F-ino Eileen de B. Daly. Okehampton, Britujo.

Genève, 31 Marto 1940. Centra Oficejo.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DU PARC, ANNEMASSE. — 4-40.